# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Julio n-ro 7/2009


## BELEGA BRAZILA KONGRESO EN JUIZ DE FORA!

Kun partopreno de ĉirkaŭ 400 gesamideanoj (4 eksterlandanoj), okazis en agrabla etoso, en bonega kongresejo, la 44-a Brazila Kongreso de Esperanto, en la urbo Juiz de Fora, ŝtato Minas Gerais, de la 12-a ĝis la 17-a de julio. La organizo de nia ĉefa evento montriĝis kompetenta kaj akurata, pro kio meritas niajn varmajn aplaŭdojn la tuta loka laborgrupo, sub la direktado de Angela Faria. La solenan inaŭguron, en la eleganta teatro de "Akademio de Komerco", kronis parolado de Prof-o José Passini, Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo.

Dum la sekvaj tagoj oni proponis tutan gamon da prelegoj, diskutoj kaj prezentoj pri plej diversaj temoj: Esperantomovado, arto, scienco, filozofio, literaturo, instruado de Esperanto, dancarto, interreto. Okazis baza kaj supera kursoj de Esperanto kaj ekzamenoj en elementa kaj supera niveloj. La libroservo bonkvante vendis, komputila ĉambro estis disponebla kaj oni ofertis ĉemizojn kaj aliajn esperantaĵojn. Je la tagmanĝaj paŭzoj, bele kantis koruso de infanoj kaj oni grupe ludis. Televidkanalo intervjuis kongresanojn. Ĉiuvespere, oni prezentis distrajn programerojn: altnivelajn artajn prezentojn (koruso, dramo pri la vivo de Zamenhof, deklamoj, plurspeca muziko) kaj kamparstilan balon. Okazis kunsido de spiritistoj kaj kunsido por preĝado per rozario, fare de katolikoj. Ĉi-foje, oni ne sukcesis okazigi katolikan meson.

La Estraro de BEL okazigis plurajn kunsidojn por diskutado de nia movado. Oni prenis gravajn decidojn koncerne la administradon de la Libroservo, de la ĉambroj de la sidejo en Brasília, la interrilatojn kun BEJO kaj UEA, la interretigon de la pagoj por membreco kaj mendoj, la Tutamerikan Kongreson (en 2011). La financa situacio de nia asocio estas stabila, sed ne permesas gravajn iniciatojn por nia afero; tial, oni decidis starigi kampanjon por stimuli monkontribuojn. Pro formala eksiĝo de la Unua Sekretario (kiu tamen neformale plu helpas en la efektiva laboro!), la Estraro nomumis D-ron Rogério Carneiro kiel Direktoron de la Centra Oficejo. Grava propono de Prezidanto Passini estis la iniciato ellabori "Manlibron pri procedoj" por faciligi kaj unuformigi la organizadon de estontaj brazilaj kongresoj de Esperanto.

La ĝenerala asembleo, en la lasta tago de nia kongreso, fluis en paca, fruktodona etoso, kun interveno de multaj BEL-anoj. Oni longe kaj tondre aplaŭdis la lokan laborgrupon kaj nian prezidanton José Passini, kiu vigle klopodadas plibonigi nian movadon, kune kun la tuta Estraro. En kortuŝa fina kunsido, en la centra korto mem de la kongresejo, sub la blua, milda ĉielo de Juiz de Fora, S-ro Ataide Godoy, el Campo Grande, ŝtato Mato Grosso do Sul, transprenis la flagon kaj invitis nin ĉiujn al la 45-a BKE, en julio 2010. Venu ni amase!

## NOVA ESTRARO EN PERNAMBUCO

De la monato aprilo 2009 Pernambuka Esperanto-Asocio (R. Siqueira Campos ed. Brasília, s. 905, Recife) havas novan estraron, sub la Prezido de Marcelo Mota. Sukceson!

**SE VI HAVAS NOVAN RETADRESON, BONVOLU SENDI ĜIN AL NI TUJ!**

## BELO CONGRESSO EM JUIZ DE FORA!

Quatrocentos Esperantistas (quatro estrangeiros), em clima de amizade, em ótimas instalações, na simpática Juiz de Fora/MG, participaram do 44º Congresso Brasileiro de Esperanto. A Comissão Organizadora, dirigida por Ângela Faria, foi muito eficiente. A inauguração, no elegante Teatro da Academia de Comércio, culminou com discurso do Prof. José Passini, Presidente da Liga Brasileira de Esperanto.

Foram muitas palestras, sobre os mais variados temas: movimento Esperantista, arte, ciência, filosofia, literatura, ensino de Esperanto, dança, internet. Ministraram-se cursos básico e superior do idioma. A livraria teve intenso movimento, bem como a oferta de camisas e objetos referentes ao ideal da Língua Internacional. Um canal de TV entrevistou congressistas. Nos intervalos de almoço houve coral de crianças e "dinâmicas de grupo". As noites tiveram coral, teatro ("A Vida de Zamenhof"), declamações e música. Espíritas se reuniram em suas salas e católicos rezaram o terço. Tivemos festa caipira.

A Diretoria da Liga Brasileira de Esperanto se reuniu várias vezes para importantes tomadas de decisão, relativas à administração da livraria, das salas da sede em Brasília, adesão de novos sócios, Congresso Panamericano de Esperanto (em 2011), colaboração com a Juventude Brasileira e com a Associação Universal de Esperanto. A Assembleia Geral, no último dia do congresso, transcorreu em harmonia, com intervenções construtivas de muitos presentes.

Na sessão de encerramento, recebeu a bandeira dos congressos o samideano Ataide Godoy, el Campo Grande / MS.

Em julho de 2010, estaremos todos lá!

## NOVA DIRETORIA EM PERNAMBUCO

Sob a Presidência de Marcelo Mota, tomou posse a nova diretoria da Associação Pernambucana de Esperanto (R. Siqueira Campos ed. Brasília, s. 905, Recife). Sucesso!

**INFORME SEU NOVO ENDEREÇO ELETRÔNICO!**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Julio n-ro 7/2009


## GRAVA VIDEOKONFERENCO EN BRASÍLIA

J. Passini

P. Nascentes

C. Buarque

Je la 19-a de junio 2009, de la 9:30 h ĝis la 12-a h, okazis en la brazila parlamentejo tutlanda videokonferenco pri la temo "Lingvaj Baroj kaj Esperanto". Partoprenis Senatano Cristóvam Buarque, Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo José Passini, Prof-ro Paulo Nascentes. Homoj en la tuta lando akompanis la eventon kaj kelkaj aktive intervenis; 29 Esperantistoj persone ĉeestis. La Senatano tiuokaze diris: "Estas tre grave, ke Esperantistoj skribu al senatanoj por peti apogon al la PLS nº 27 de 2008, kiu ŝanĝas la Leĝon nº 9394, de la 20-a de decembro 1996, por starigi elekteblan enkondukon de instruado de Esperanto en mezgradaj lernejoj"

## ESPERANTO SUR LA KOVRILO DE REVUO "VERBO"

Ĵurnalismstudantoj de la Fakultato Assis Gurgacz – FAG, en la urbo Kaskavelo (ŝtato Paranao, Brazilo), lanĉis ĉisemajne la Revuon Verbo. La temo elektita por la kovrilpaĝo estis Esperanto. La precipa fonto por la produktado de la raporto pri Esperanto estis la advokato kaj esperantisto Roger Gotardi, el Saltodolontro (Paranao, Brazilo). "Esperanto estis kreita por esti ĉies kaj samtempe nenies lingvo." "La grupon de studantoj interesis la ideologio de interpopola egaleco, kaj mi kontaktis kun Roger por verki la raporton", eksplikas la ĵurnalismstudantino Suellen Warmling. La revuo estas senpage disdonata: se vi interesiĝas ekhavi ekzempleron, kontaktu per la retadreso <suellen4640@hotmail>.com . Oni postulos nur la sendokostojn. La retan version oni povas legi ĉe
http://www.bancadigital.com.br/universidades/verbo/reader2/.

## NOVA VICDELEGITO EN BRAZILO

Fernando Maia Jr.

Informas James Pitton (james@esperanto.cc), brazila Ĉefdelegito de Universala Esperanto-Asocio: *"Mi volas publike bonvenigi nian amikon Fernando Maia Jr. kiel la novan UEA-Vicdelegiton, Junulardelegiton kaj Fakdelegiton pri geologio en sia urbo Aracaju-SE. Kiel tre bona Esperanto-parolanto, engaĝita en la brazila junulara E-movado kaj ofta kontribuanto pri sia fako en E-terminologiaj diskutoj, li kunigas la esencajn ecojn por la tasko.(...) Se aliaj individuaj membroj de UEA, en kiu ajn aĝo, volas esti UEA- aŭ TEJO-reprezentantoj de la E-movado en siaj urboj kaj/aŭ respondi konsultojn pri siaj fakoj, la aliĝo povas okazi kiam ajn tra la jaro. Sola kondiĉo: oni devas esti individua membro de UEA (membro kun Jarlibro aŭ membro-abonanto, dumvive aŭ ne) almenaŭ jam dum la antaŭa jaro."*

W. Fontes, maldekstre.

## ESPERANTISTOJ KURAS EN RIO

Je la 28-a de junio 2009 Esperantistoj Walter Fontes kaj Eric S Bernardes aktive partoprenis en "Familia Kurado", en Rio, en la kvartalo Flamengo. Ili portis Esperantoflagon kaj informis pri nia movado. Ili invitas Esperantistajn atletojn partopreni en duonmaratono, kiu okazos en Rio, en septembro 2009.

## VIDEOCONFERÊNCIA EM BRASÍLIA

Em 19-06-2009, de 9:30 às 12 h, aconteceu videoconferência nacional, nas dependências do senado, sobre o tema "Barreiras Lingüísticas e o Esperanto". Participaram o Senador Cristóvam Buarque, o Presidente da Liga Brasileira de Esperanto José Passini e o Prof. Paulo Nascentes. É mais um passo para a introdução do Esperanto nas escolas de segundo grau, em nosso país.

## ESPERANTO É CAPA DA REVISTA "VERBO"

Estudantes de Jornalismo da cidade de Cascavel/PR, lançaram a revista "Verbo". O tema de capa é o Esperanto, conforme material fornecido pelo ativo Esperantista Roger Gotardi, daquele Estado, que declarou, na ocasião: *"O Esperanto foi criado para ser a língua de todos e ao mesmo tempo de ninguém, em particular."* Acesse a revista em http://www.bancadigital.com.br/universidades/verbo/reader2/.

## NOVO VICE-DELEGADO

O Primeiro-Delegado da Associação Universal de Esperanto no Brasil, James Pitton, informa que tomou posse como novo Vice-Delegado, Delegado Jovem e Delegado Especializado o competente e ativo Fernando Maia Jr., de Aracaju/SE. Os Esperantistas interessados em representar a UEA ou a Juventude Mundial em suas cidades devem escrever ao Delegado, bastando ser sócio pelo menos desde o ano anterior.

## ESPERANTISTAS CORREM, NO RIO

Walter Fontes e Eric Bernardes participaram da "Corrida da Família", no Rio, em 28/06/2009, carregando a bandeira do Esperanto e distribuindo prospectos. E convidam para a meia maratona, em setembro.

**4a Kongreso de Esperanto de la Ŝtato Sanpaŭlo**

**10 - 12 de oktobro en Bauru** **http://kongreso.easp.org.br**